# 12º Congresso Paulista de Esperanto

## Atibaia - SP

**12 - 14 out 2018**

## Novas faces do Esperanto na era digital

easp.org.br/asocio/congresso

Realização:




Esperanto-Asocio de San-Paŭlo



Brazila Esperanto-Ligo

Apoio cultural:

Prefeitura da
**Estância de Atibaia**
Estado de São Paulo



# LA LAMPIRO

59-a jaro
n-ro 152 2018:4

Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo
Redaktanto: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
Grafikaranĝo: José Roberto Tenorio, Sajjad Dashti Nezhad
Reviziento: vakas



easp

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro ............ | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ......... | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro ..... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj:**
merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 13h.

# ENHAVO

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

Nia juli-aŭgusta numero de La Lampiro estas iamaniere interkongresa numero. Pluraj EASP-anoj partoprenis la Universalan Kongreson en Lisbono, kaj nun pretas veturi al Atibaia por nia ŝtata kongreso. Ambaŭ belaj spertoj, ĉiu kun sia tute aparta karaktero. Estus al la redaktoro granda plezuro, se kelkaj partoprenintoj en Lisbono sendus al ni siajn personajn impresojn pri tiu grandioza evento. Eble tio motivus neĉeestintojn estonte plani siajn proprajn Esperantovojaĝojn. Ni estas konvinkitaj, ke ĉeestaj Esperantoeventoj estas nepre apogindaj, por la bono de nia movado. Ni ne restu nur en la virtuala, interreta mondo!



UNU INFANO UNU ARBO

estas iniciato, kiu celas, ke plantado de arboj iĝu eduka aktivajo por la infanoj de la tuta mondo. Planti arbon kaj flegi ĝin stimulas ĉe infanoj valorojn de prizorgado kaj respondeco pri naturmedio. Ĝi estas facila kaj tre efika eduka rimedo por instrui amon kaj respekton al naturo, ne per konceptoj kaj ideoj sed per rekta travivado. Krome, ĝi profitigas ne nur la infanojn sed ankaŭ siajn komunumojn kaj la tutan planedon.

Ni volas profiti la fakton, ke ni esperantistoj troviĝas tra la tuta mondo kaj disponas belan komunikilon, kiu permesas al ni interrilati kaj organiziĝi transnacie tute nature, por disvastigi ĉi tiun iniciaton ĉe niaj landoj kaj lingvo-komunumoj. Ni certas, ke dank' al esperanto ĝi povas disvastiĝi multe pli tutmonde ol se ĝi estus diskonigata per iu ajn nacia lingvo.

Se vi volas partopreni, vi povas aliĝi al la reto ĉe fejsbuko aŭ viziti nian ttt-paĝon kaj sendi mesaĝon aŭ leteron al Unesco por instigi, ke ĝi stimulu plantadon de arboj kiel edukan aktivajon por la infanoj de la tuta mondo. Ankaŭ vi povas plejeblle diskonigi ĉi tiun iniciaton per ĉiaj rimedoj inter viaj konatuloj kaj sociaj retoj, kaj esperantaj kaj vialingvaj.

www.unuinfanounuarbo.org

www.facebook.com/unuinfanounuarbo

Por ilustri tion, jen mi aperigas en nia revuo flugfolion, kiun anonima samideano, je tute privata iniciato, disdonis ĉe la pordo de la kongresejo, en Lisbono. Kion vi pensas pri ĝia enhavo?

# VORTOJ DE LA PREZIDANTO

Estimataj EASP-anoj,

jen ni staras denove en tikla momento. Alproksimiĝas nia ŝtata kongreso, kiu okazos en la urbo Atibaia, inter la 12-a kaj 14-a de oktobro. La lokaj kunlaborantoj, inter kiuj elstaras nia aktiva kaj fervora membro Audino Rashi, informas, ke la cirkonstancoj kondukas ŝajne al kontentiga evento. Komforta kongresejo kaj ĝenerala apogo de lokaj aŭtoritatuloj estas esperigaj antaŭsignoj. La riĉeco de la programo tamen ne dependas nur de la organizantoj. Ĝi koncernas la Esperantistan komunumon en nia regiono. Ĉiu povas kontribui: per prelego, per artaĵo, per diskutado, per amika ĉeestado. Niaj kongresoj estas distraj, promenaj, sed ankaŭ edukaj kaj klerigaj. Se vi havas ion interesan por transdoni al la kongresanoj, ne hezitu vin prezenti kaj digne prepari por tio. Ni montru nian kulturon, por Esperanto kaj per Esperanto!

**Prof. Genildo Martins Coelho**

# Virinoj kaj knabinoj en Scienco

Aleksandro Serafim

Ĉiu almenaŭ iom klera homo konas la Nobel-Premion. Kreita en 1895 laŭ peto de svislanda sciencisto Alfred Nobel, post kiam tiu forpasis. La Nobel-Premio konsistas el ses internaciaj premioj jare donataj al homoj aŭ institucioj, okaze de gravaj esploroj, malkovroj aŭ kontribuoj por la homaro.

Inter la jaroj 1901 kaj 2017 premiiĝis 892 homoj. Verdire, viroj, ĉar nur 48 virinoj gajnis la premion, kio reprezentas proksimume 5%. La laŭreatoj, krom la rekono, gajnas US$ 1.110.000 kiel premion. Tial UNESKO ekde 2015 laboras por la egaliĝo inter viroj kaj virinoj en lernejaj sistemoj kaj sciencaj agadkampoj. Estis kreita la internacia tago por virinoj kaj knabinoj en scienco, celebrata la 21-an de februaro. Tamen, estas granda defio okazigi egaliĝon en scienco inter viroj kaj virinoj, interalie tio postulas ŝanĝojn en sintenoj kaj stereotipoj de viroj kaj eĉ de virinoj, tial ke foje virinoj mem ne kredas pri si mem kiel sciencistoj.

En la sama vojo antaŭ 12 jaroj L'Oreal Brazilo okazigas la "Premion por virinoj en Sciencoj", kaj antaŭ 20 jaroj L'Oreal kaj UNESKO kune laboras por okazigi la premion. Ĝi estas valora paŝo por ke la homaro valorigos la virinojn kaj ne nur nobelajn premiitojn. Ekzemple, ĉu vi konas Rafaela-n Ferreira-n, kemiiston el la brazila ŝtato Minaso, gajninton de la pasinta premio, pro tio ke ŝi kreis molekulojn por pli efike kuraci la malsanojn kaŭzatajn de Zikan viruso kaj de la protozoo tripanossomo.



En aŭgusto, ĉi-jare, L'Oreal anoncos 7 sciencistinojn premiitajn por la jaro 2018. Ĉiu gajnos stipendion je 50 mil realoj por financi siajn

esplorojn. Internacie L'Oreal-UNESKO premias 5 virinojn per stipendio de 100 mil dolaroj. Ĉi supre mi citis Rafaela-n, ŝi gajnis la internacian! Krome, ŝi gajnis la Rising Talents, nome premion kiu rekonas la 15 plej bonajn junajn inajn scientistojn el la mondo.

Estas grave ke ni valorigu tion kaj ŝanĝu la stereotipon ke sciencistoj estas nur Nobel-premiitoj maljunaj, eŭropecaj kaj viraj, ĉar ĉiu homo kapablas studi kaj esti sciencisto, inkluzive de virinoj, kiuj per sia laboro, nuntempe, elstaras apud viroj.


**Referencoj:**

https://pt.wikipedia.org/wiki/Pr%C3%A9mio_Nobel

https://g1.globo.com/ciencia-e-saude/noticia/mulheres-representam-5-dos-ganhadores-dos-premios-nobel-da-historia.ĝtml

http://www.unesco.org/new/pt/brasilia/natural-sciences/science-and-teĈnology/women-and-girls-in-science/

https://www.paramulheresnaciencia.com.br/o-premio/programa-internacional/


## ĈU VI JAM AŬSKUTIS VIAN PODKASTON HODIAŬ?

Trafa maniero progresigi la posedon de lingvo estas aŭskultado. Fakte, ĝi estas tute natura maniero, de jarmiloj efike uzata de beboj dum iliaj komencaj vivojaroj. Feliĉe ni havas en Esperanto diversajn bonajn podkastojn. Ankaŭ por tiuj, kiuj jam altnivele posedas Esperanton, ili provizas interesan materialon por kleriĝo kaj informiĝo. Neniu bedaŭrus uzi kelkajn minutojn en ĉiu tago por tia simpla kaj efika maniero uzi nian lingvon. Provu mem!

esperantaretradio.blogspot.com | kern.punkto.info | muzaiko.info

radiohc.cu/eo/ | radio-vatikana-esperanto.org | pola-retradio.org

3zzz Esperanto Radio | radioriodejaneiro.am.br/programa/esperanto/

SCIENCO

# KIAL LA STELOJ BRILAS?

Guilherme Jardim

## Nuklea fandiĝo

“Brilu, brilu, steleto, kio estas vi?...” [Twinkle, twinkle, little star, how I wonder wath you are]. Ĉiam oni deziris scii el kio konsistas la steloj kaj kio briligas ilin. Tamen, tiu temo restis kiel mistero ĝis la komenco de la dudeka jarcento, kiam la astronomoj uzis la ĵus kreitan teknikon spektrografion por determini la komponaĵojn de la steloj: ili estas precipe el hidrogeno, kaj iomete da helio kaj je multe malpli da aliaj elementoj. Tamen, la nova scienco, nome nuklea fiziko, sugestadis ian potencan energifonton: la fandiĝon de la hidrogeno sub intensa premo kiu okazas ene de la stelo. Steloj estas, vere, gigantaj hidrogenaj bomboj malrapide eksplodantaj.

La detaloj estis precipe observitaj de la german-usonano Hans Bethe, en Cornell University en 1938. Laŭ liaj kalkuloj, estis du procezoj envolvitaj, ambaŭ rezultigantaj la fandiĝon de du atomoj de hidrogenoj por formi unu atomon de helio. En unu el la procezoj, du nukleoj de hidrogenoj, ĉiu konsistanta el unu protono, fandiĝas por formi unu nukleon de deŭterio, kunmetata per unu protono kaj unu neŭtrono. Por tio necesas ke unu el la protonoj transformiĝu en unu neŭtronon, kio okazigas la eliron de energio en la formo de unu elektrono animita per grandega rapideco kaj la eliron de unu partiklo ekstreme malpeza nomata neŭtrino. Tiam, du nukleoj de deŭterio fandiĝas formante unu nukleon de helio, konsistantan el du protonoj kaj du neŭtronoj. En la pli grandaj steloj, superregas alia procezo. Tiuj steloj posedas iom da

karbono, nitrogenon kaj oksigenon, kiuj agas kiel periloj. Kontinua ciklo okazas, komenciĝante kun hidrogeno kaj karbono kaj finiĝante kun karbono kaj helio.

La kalkuloj de Bethe estas konfirmitaj ekde tiam, escepte en unu grava punkto, pri kio li eraris. Bethe kredis ke la universo havas aĝon proksimuman de du miliardoj da jaroj. Laŭ liaj kalkuloj, unu stelo povus brili, transformante hidrogenon en helion, dum unu periodo je dudek miliardoj da jaroj antaŭ ol la hidrogeno finiĝas, supoze tiel ke ĉiuj steloj en la universo devus esti relative junaj. Sub tiaj kondiĉoj, li kalkulis ke la steloj povas generi nur helion kaj do, konklude, ĉiuj elementoj kemiaj pli pezaj, kiel karbono, oksigeno kaj metaloj, jam ekzistis kiam la unuaj steloj formiĝis. Hodiaŭ ni scias ke tio ne estas korekta. La universo havas, ververe, pli ol dekdu miliardojn da jaroj, kaj origine konsistis, proksimume, el tri partoj de hidrogeno kaj unu de helio, kaj iomete da litio. Ĉiuj pli pezaj elementoj estas formitaj ene de la maljunaj steloj kiam la hidrogeno komencas elĉerpiĝi. La pli pezaj metaloj estas fomitaj en supernovaoj – grandaj steloj kiuj finas sian ekziston pere de giganta eksplodo – en la momento kiam ĝi kolapsas sub sia propra pezo.

Hans Bethe estas unu el la plej lertaj fizikistoj de la dudeka jarcento, doninta gravajn kontribuojn en diversaj kampoj. Dum la dua mondmilito, li estis unu el la arkitektoj de la atombombo, sed neniam li pravigis la nukleajn armilojn, iĝante ekde tiam granda kritikisto de la milita politiko de Usono.

H.A. Bethe e C.L. Critĉfield, Physical Review, 54, 248-254 (1938)



# UNU LAŬDO KAJ DU RECENZOJ

Paŭlo S. Viana

Mi havas en la manoj du novajn librojn por recenzo. Mi dubas , per kiu el ili komenci. Mi do komencu per laŭdo al la eldonisto. Ambaŭ verkojn ĵus lanĉis eldonejo "Fonto", en Brazilo. Ni do skribu ĉi tie per dikaj literoj, sen timo troigi: **Gersy Alfredo Bays, la eldonisto, estas unu el la homoj, kiuj plej grave kontribuis al la kulturo de Esperanto en la mondo, dum la lastaj jardekoj!** Jaron post jaro li lanĉas siajn belajn librojn kaj provizas nian legantaron per klasikaĵoj, poeziaĵoj, originalaĵoj, tradukoj, didaktikaĵoj, do por ĉiaj gustoj librojn de famaj kaj nefamaj aŭtoroj. Vere giganta laboro plenumata de unu soleca homo. Ni preskaŭ ne sukcesas renkonti lin en eventoj, kaj se oni volas koni kaj danki lin persone, oni devas nepre veturi al lia urbo Xapecó, en la brazila ŝtato Santa Catarina. Tre dubinde, ĉu li gajnas iom da mono per sia laboro; preskaŭ certe li gajnas malprofiton. Sed se ekzistas iaspeca verda ĉielo en transmondo, tie certe Sankta Zamĉjo rezervas por li lokon - espereble okupotan nur post multaj, multaj jaroj. Ne eblas sufiĉe danki al tia homo, kia estas la heroa Gersy!

Ni do nun okupu nin per du ĵusaj lanĉoj de "Fonto".

## NEFORGESEBLA, TAMEN FORGESITA AŬTORO

"NENIFARA VIVO", de Godofredo Rangel, Esperantigis Benedicto Silva.

Jen milde delikata, preskaŭ poezieca verko de ekstreme eleganta brazila prozisto, bedaŭrinde nuntempe preskaŭ forgesita! Li tamen meritus stari inter niaj klasikuloj, pro la koloro kaj riĉeco de sia teksto. Li naskiĝis en la ŝtato Minas Gerais kaj estis amiko de la pli konata Monteiro Lobato. La tuta libro rakontas ekskurson de urbano en kamparo. Liaj priskriboj pri la naturo kaj la homoj, en la interno de Brazilo, formas veran ravan filmon. Inter la scenoj pure pentraj pri mirindaj pejzaĝoj, enmetiĝas kuriozaj epizodoj pri la vivo de tiuj brazilanoj, kiuj ŝajne loĝas en alispeca mondo,

kie la signifoj kaj vivoritmo aspektas al ni tute fremdaj. La atmosfero estas sonĝa:

*“La vojo sekvas paralele super la rivero, kiu fluas dekstre de mi, kaŝita sub la vegetaĵaro. Foje ĝi fluas tiel proksime, ke, se oni ĵetas ŝtonon en ĝin, oni aŭdas la bruon de la akvo ĝin englutanta. Mistere kaj silente ĝi fluas, kaj nur ie kaj ie ĝia ĉeesto estas rivelata, ĉu de la plaŭdado de la fluo taŭzita de seka branĉaro, ĉu de arĝenta ekrebrilo en intervalo de la frondaro. Kaj la vojo, sangokolora, kun sulkoj de bovoĉaroj kaj besthufaj spuroj, plilongiĝas antaŭ mi, garnita per lozaj florantaj lianoj. Aliloke, ĉe abrupta koloro-abundo, jen ekaperas bugenvilo plene kovrita per violkoloraj floroj, de supro ĝis malsupro, kun tia abundo da floroj, ke oni ne povas vidi alian koloron; kaj, sur la grundo, kie ĝi disĵetas la faldojn de sia riĉa tuniko, ĝi disfadeniĝas en spuron el violsimilaj petaloj.“*

Estas do tempo paroli pri la traduko. La nomo Benedicto Silva per si mem rekomendas la libron. Per siaj antaŭaj tradukoj (aparte pri la klasika ”Iracema“, de José de Alencar) li estas respektata kaj aprezata de longa tempo. Ĉi tiu nova volumo (kiun li tamen konservis en sia tirkesto dum longaj jaroj!) estas speco de krono. Li per natura kaj riĉa uzado de Esperanto perfekte transdonas la nuancoplenan belecon de la originalo. Estus rekomendinda lernado legi frazon post frazo la originalon kaj la Esperantan tekston, se ne estus tiel malfacile nuntempe trovi ekzempleron de portugallingva eldono - de longe elĉerpita.

”Nenifara Vivo“ estas pura gemo de rafinita literaturo.

## KOMENTOJ DE SAGACA BLOGANTO

”PERISKOPE“, de Gonçalo Neves.

En pasinta tempo verkistoj kutimis noti en siajn kajerojn ĉiutagajn komentojn pri la mondo kaj la homoj. Ekzemploj abundas: ”Livro do Desassossego“ (Libro de Malkvieto), de Fernando Pessoa; ”Cadernos de Lanzarote“ (Kajeroj el Lanzarote), de José Saramago; ”Los Hijos de los Dias“ (La Idoj de la Tagoj), de Eduardo Galeano; k.m.a.. Kaj de tiuj kajeroj rezultis grandaj libroj!

Lastatempe, pro la invado de tiu levjatano nomata interreto, multaj

pensemuloj sidigas siajn ĉiutagajn  meditojn en virtualajn ejojn. Interalie en ”blogojn“. Ĉi tiuj fariĝis iaj modernaj taglibroj, kiuj ja prezentas demokratiecan, senpagan, ĉie kaj de ĉiuj facile uzeblan manieron proponi al la mondo siajn pensojn. Ne malbona afero!

Sed... kio okazas, se la koncerna blogo subite malaperas el la virtuala universo? Tiam, eble perdiĝas por ĉiam valora materialo, se oni ne konservis kopion.

Jen kiel rezultis ĉi tiu interesa libro de la konata portugalo Gonçalo Neves. Dum kelkaj monatoj de la jaro 2003 li regule verkis por sia blogo ”Periskope“. Nu, la blogo ja malaperis! Feliĉe, la aŭtoro konservis kopion kaj nun ĝi aperas en formo de konkreta, flarebla, palpebla, enpoŝigebla, nemalaperigebla, donacebla, rekomendebla (nepre!), papera libro! Por nia feliĉo! Ho, post legado de ĉi tiu bonega libro mi konfirmis mian amon al paperaj libroj!

Temas pri nelongaj artikoloj pri plej variaj temoj: pri neologismoj, pri la Esperanta literaturo, pri movadaj kuriozaĵoj, pri ldo kaj Interlingua, eĉ pri la portugala tradicia taŭrobatalo kaj pri strangaj lipharoj de portugaloj. Simple listigitaj kiel ĉi tie, eble oni povus suspekti pri banalaĵoj. Tute ne! La libro estas tiel suka, bonhumora, inteligenta kaj  sagaca, ke oni apenaŭ povas interrompi la legadon. Mi mem legis ĝin unuspire. La aŭtoro posedas tute personan, originalan manieron elekti, analizi la temojn kaj trovi en ili aspektojn vere surprizajn. Li estas klera kaj samtempe malpeza kaj sprita. Kaj lia prozo fluas riĉe kaj nuance. La ĉapitroj pri taŭrobatalo kaj “La misodora ĉampiono” (pri la elekto de taŭga Esperanta vorto por la “nececeja vazo”) meritas lokon en antologio de moderna Esperanta prozo. Vere brila!

“Periskope” estas vivanta pruvo pri la ekzisto de pure Esperanta kulturo.

# Kino: La Pangajnintino

Anna Lobo (São Paulo-SP)

FILMO




Direktoro: Nora Twomey

Originala nomo: The Breadwinner

Tipo de filmo: Animacio/Familio

Nacieco: kanado, Irlando kaj Luksemburgo

Dato de lanĉo: 01.07.2018

Tempo daŭro: 1h 33 min

Por tiu ĉi numero, la filmo estas iom surpriza. Antaŭ ol spekti ĝin, mi mem ne donis tiom da valoro, kiom ĝi meritas. Mi ja pensis ke ĝi eble estas ege interesa kaj kortuŝa pro sia historio, sed ĝi montriĝis multege pli ol mi imagis. Kiam mi esploris pri la ĉi-monata filmo por priverki, mi pensis ke povus esti interese, ke ĝi venis el mezoriento. Mi ĉiam estas allogata de la kulturo de tiu regiono, kaj lastatempe mi estas iom pli ligita al ĝi ol normale.

Tiam, mi memoris pri iu animacio en Netflix, kiu estas etosigita en la regiono "La pangajnintino". Mi ankaŭ elektis ĝin, pro tio ke mi ne elektis iun porinfanan animacion jam de iom da tempo – kvankam, kiel vi rimakos, ĝi ne estas tiom por infana kaj ĝia limaĝo estas pli ol 12 jaroj.

La historio de la filmo havas scenejon en Afganio. Vi eksentos iom de la kulturo de la regiono kaj, trafokule, la malsamecon de ties kulturo rilate al aliaj partoj de la mondo. Kiel ekzemploj, la malriĉeco, la fermeco al edukado, la maniero manĝi kaj la kutimaj manĝoj, la arkiteturo, la muziko, la vendejoj, la malsameco rilatiĝi kaj aliri al ambaŭ genroj kaj kio estas atendata de ĉiu. Tio ja faras ian ŝokon, ĉar tiel estas en Afganio nuntempe, malgraŭ ke en aliaj regionoj jam iom plibonas. La stilo de la desegnoj estas ege ĉarma.

Dum vi vidas ĉion tion, vi ekkonas la simpatian rolulinon Parvana. Ŝi estas ege inteligenta knabino, kiu estas influita de la patro al unu el la plej bonaj aferoj, kiun oni povas aliri kiam infanoj - Rakontoj. Ŝi estas gvidata de la revumado de tiuj rakontoj, por sukcesi alfronti la disvolviĝon de la historio kaj inspiri al si mem kaj al sia familio kaj ĉefe al sia eta frato, kiu ĉiam petas ke ŝi rakontu historiojn. Kaj la vera testo kaj pruvado de tio venos kiam ŝia patro estas katenita senkiale kaj restas sen sukcesi kontakti sian familion.

Babilante pri ĝi, unu afero ja povus esti pli bona – ĝi ne estis farita de Afganio, bedaŭrinde. Kaj eĉ sonregistrojn en unu el la lingvoj parolataj tie, ili ne havas. Eble tiel oni povus aldoni eĉ pli interesajn kulturajn aspektojn, aŭ almenaŭ bonan akĉenton de la kelkvortoj dirataj en la lingvo dum la filmo.

Mi kortuŝe indikas al vi profiti kaj spekti ĝin, ĉefe se vi emas al tiaj temoj! Mi supozas ke ĝi ne eliros el la listo pro tio ke ĝi estas produktado de Netflix, tamen mi tiom ŝatis ĝin eltrovi, pro ĝia revigemo kaj ĝiaj eĉ skuigaj scenoj ke mi forte instigas vin, vi tute ne bedaŭros! Eble nun vi demandas ekzakte kion oni demandas al Parvana: "Atendu, ĉu tiu estas feliĉa aŭ malfeliĉa historio?" Kaj kiel ŝi, mi respondas al vi "Nur atendu kaj vidu tion"! Mi speciale dankas al Benjamin kaj al Saĝad pro iliaj instigoj kaj aldonoj! Bonan spektadon kaj ĝis la sekva filmo!



# POEZIUMADO: ĉu vojo al pli alta lingvonivelo?

Paulo P. Nascentesi

Ĉi tiu artikolo estis verkita surbaze de prelego prezentita la 1an de Junio 2018 en Kuritibo, dum la 53a BKE/38a BEJK. Tie, en tre agrabla etoso, deko da poeziamantoj pripensis la temon instigitaj de tiu demando pri eventuala rilato inter poeziumado kaj plibonigo de lingvonivelo. Ofte alvenas delikata momento dum la lernado de Esperanto, ĝenerale tuj post la baznivela akiro de la lingvo, kiam la lernanto alfrontas ian komunikan malfacilecon. Kion do fari por pligrandigi la vortotrezoron? Kiel solvi la aperantajn dubojn pri la ĝusteco de esprimo? Kiel senti sin pli sekura por paroli, skribi aŭ eĉ verki poemojn, se tio nin allogas? Kiel sciate, la atingo de pli alta lingvonivelo daŭras la tutan vivon.

Tiu surpriza kaj kurioza bildo, kovrilo de la portugala libro nomata O que é poesia? *(Kio estas poezio?)*, iel reprezentis defion kaj instigon por mia poeziverkemo. Jen tial la poemo *"Poeto"* estis verkita. Ĝi poezie pripensigas nin pri la naturo mem de Poezio. Indas rimarki tion, ke la rigardo de la poeto montriĝas unika, speciala, alivorte, *malkombita*. Nur nekutimaj kombinoj de substantivoj kaj adjektivoj povos rekrei la poezian etoson de la bildo: jen pro tio, esprimoj tiaj, kiaj *freneza lingvaĵo, esto sentakta* kaj aliaj. Kompreneble lernas el tiu poemo unue la poeto mem, poste liaj legantoj.

Enkonduke, promenado al Antikva Grekujo montras tiamajn tradiciajn artojn kaj pli specife tri koncernas nian temon, nome Gramatiko, Retoriko, Dialetiko. Krom ili, Poezio (Epiko), Beletro, Teatro (Dramo, Tragedio, Komedio). La influo de tiuj grekaj artoj senteblas ĝis nun. De tiam ĝis hodiaŭ diversaj pristudaĵoj publikiĝis almenaŭ en la okcidenta mondoparto. Tiu kultura juvelo daŭre estas fono por la arta produktado de niaj kompetentuloj.

Poste, venas komparo pri la poezia lingvaĵo laŭ tri famaj lingvistoj. Sekve pedagogiaj prikonsideroj pri poezio kaj lernado kaj fine konkludo. Laŭ la brazila lingvisto Mattoso Camara Jr (1904-1970), la poezieco de teksto devenas el normodevojiĝo, tiel ke figuroj kaj metaforoj estas tiucele uzataj ne nur en poemoj. En klasika studaĵo pri *Lingvistiko kaj Poezio*, la rusa Roman Jakobson (1896-1982) mencias ses lingvaĵ-funkciojn laŭ la emfazo sur ĉiu elemento de la

teorio pri komunikado, nome *funkcio emotiva* (emfazas la sendanton), *konativa* (la ricevanton), *referenca* (la kuntekston), *faktika* (la kanalon), *metalingvistika* (la lingvon mem) kaj *poetika* (la mesaĝon). Tiel poeto nepre zorgas pri la mesaĝo kaj ties originaleco. Siavice, por la rumana Eugênio Coseriu (1921-2002) poezieco signifas esprimplenecon, tio estas, la poezia lingvaĵo reprezentas 100% de la esprima ebleco de ajna lingvo, tiel ke la kromnomo de la portugala estas la *Lingvo de Kamono*; la angla, *lingvo de Ŝekspiro*; la itala, *lingvo de Danto*; la hispana, *lingvo de Cervanto*. Jen kurioza konstato.
Pedagogie, indas demandi, kion kaj kiom lernas legantoj kaj poetoj dum la poeziumado, la kontakto kun poemoj. Por ambaŭ poezio devas esti gajo, ĝojo, plezuro. Lingvoinstruistoj povas motivigi lernantojn al memesprimo per la starigo de persona pripoezia dulingva blogo. Certe pro tio ili bezonos konsulti vortarojn por malkovri vortonuancojn. Ĉu ekzemple vi, kara leganto, konas la signifon de ĉiu vorto: *Via esto sentakta/ dehiskas en unikaj/ spacoj/ spite al temp' diversa/ lasu esti diversa/ unuo?* Alian ekzemplon pri la bezono trovi la ĝustan vorton ni vidas en la suba poemo:

*KURTA POEMO*

*Poezio min vizitas. Kafon mi ................. [plenigu la blankan spacon]*
*ekbabile.*
*Imagoj simboloj metaforoj*
*Ŝvebas kvazaŭ birdoj.*
*Iom abstrakta babilo. Konkrete*
*por la virino amata*
*ĉi poemo ĝoje kurta.*

Certe pro influo de la gepatra, nome la portugala, en la unua versio mise mi elektis la verbon *servas*. Nur post atentigo de la amiko poeto Paulo Viana venis al mia kapo la ĝusta vorto por la kunteksto: *Kafon mi proponas/ ekbabile*. Poezie, prefere kaj tradicie, estas uzata la dusilaba vorto *kurta*, anstataŭ *mallonga*. Interesatoj pri bonaj poemoj ilin trovos sur tiuj rekomendindaj blogoj:

http://nazarelaroca.blogspot.com/ de Nazaré Laroca,
http://blogdopaulosergioviana.blogspot.com/ de Paulo Sergio Viana,
https://www.paposnascentes.com/ de Paulo P Nascentes.

Miaflanke mi tiamaniere multe lernas. Menciindas ankaŭ la blogo de Flavio Fonseca pri brazilaj kantoj esperantigitaj de diversaj verkistoj:
https://www.brazilakolekto.com/.

*Brazila kolekto* publikigis du kantojn, kiujn mi aŭdacis esperantigi, nome *Studenta Koro* (*Coração de Estudante*, de Wagner Tiso kaj Milton Nascimento) kaj *Blinda fido*, *tranĉilo akra* (*Fé cega*, *faca amolada*, de Milton Nascimento kaj Ronaldo Bastos). Jen la respektivaj ligiloj:
https://www.brazilakolekto.com/search/label/Paulo%20Nascentes.
Memkompreneble ege defia estas la esperantigo de kantoj, pro tio ke ili devas esti kanteblaj, kio signifas specialan zorgon pri ritmo, fortaj kaj malfortaj silaboj ene de ĉiu verso. Eble ĝuste pro la defio, grandaj estas la gajo, ĝojo kaj plezuro.

Finfine, la jesa konkludo. Poeziumado ja estas oportuna vojo al pli alta lingvonivelo, al pli rafinita esprimebleco, ĉar ĝi estas vojo al la akiro kaj ampleksigo de la vortprovizo, la lernado de novaj kaj efikaj esprimaj rimedoj, la disvolviĝo de pli bona komunikkapablo. Krom tio certe kunvivadi kun poemoj estas ankaŭ vojo al memkono kaj vekiĝo al neimageblaj ecoj. Bonan ĝuadon, kara leganto!

[i] Poeto, verkisto, preleganto, docento pri la portugala kaj Esperanto.

# Muzikaj preĝoj

Alfredo Aragón



La nuntempa situacio en la mondo (ne nur Brazila) pensigas nin pri paco, kaj tuj venas al mia menso: ĉu ekzistas paca muziko? Ĉu muzikkomponistoj faris muzikon pensante pri paco? Eble ne, sed ĉu ili pensis pri preĝo, aŭ faris muzikpreĝojn eĉ sen pensi, pri preĝo? Eble ankaŭ jes. Ni iru momente al la pasinteco, aŭ simple al pasado; mia pigreco ne permesas ke, mi iru tro longe, do ni iru nur ĝis la dek-sesa jarcento. Tie mi trovis kelkajn komponistojn, kaj ili diris, ke la muziko tiatempe, estas dividita je religia kaj profana; tio estas pri multaj aferoj de la vivo, inter ili pri amo, kaj eĉ pri amoro, mi serĉis inter ili iun de mi admiratan: Tomas Luís de Victoria, vere tre simila al la portreto kiun mi vidis en libroj, li sin montris tre afabla kaj klarigis al mi pri verkoj liaj, religiaj, kiun ni povas konsideri preĝoj. De la unua libro (li faris plurajn, entenantajn mesojn kaj motetojn) li menciis la tre konatajn de mi "O magnum misterium", kaj "O vos omnes" por 4-voĉa koruso.

Ankaŭ por koruso (tiutempe nur por koruso oni komponis, sed kelkaj komponistoj fortigis la korusojn per trombonoj). Pluraj mesoj, kaj ne nur por la 4-voĉa sed eĉ por 8-voĉaj, ĉiuj en la stilo polifonia, tute kontrapunkta, li kiel pastro parolis al mi nur pri religiaj komponaĵoj kaj pri lia profesoro Giovanni Pierlugi da Palestrina kaj lia lernado en Italio por la pastriĝo kaj muziko. De la tria libro li nur menciis lian rekviemon, nome meson por mortintoj.

Sed mi vidis la anglon Thomas Morley, kaj tuj mi iris al li, ĉar mi memoris ke en la tempo kiam mi regis la koruson de l' "Centro Colomboamericano" en tri literoj BGT (Bogoto), ni kantis verkon lian kaj eĉ en mia traduko el la angla al Esperanto (April is in my mistress face – Kiel printempo). Post la gaja saluto, mi komentis pri tiu traduko kaj li diris ke ne plaĉis al li komence, sed li interesiĝis pri tiu lingvo, kaj diris ke iomete li lernis ĝin, pro tio nia dialogo estis komprenata de ambaŭ. Kaj komentis ke li lernis muzikon, kun William Byrd, tre konata nuntempe de gitaristoj, ĉar li verkis por liuto, hodiaŭa gitaro. Ankaŭ li parolis pri la enhavo de pluraj verkoj de sia tempo, kaj ĉiuj preĝis pere de muzikoj kun tekstoj religiaj, kvankam ili, - laŭ li -, ne multe komprenis religion kaj sekvis iom blinde la kristanismon pro tio ke ne estis alia.
Jes, estas multaj muzikaj preĝoj kaj ni nun vidas ke la ĉielo klariĝas, ĉio pasas, eĉ tiu terura situacio kiu ŝajnas eterna. Kaj la klarigoj venas kun la novaj tempoj.
Pli da paco, oni vidas en la horizonto kaj ni devas esti certa ke la preĝo de Bach en la Suito numero 3 (konata kiel "Air") estas sekvata de la preĝo de Villa-Lobos en la "bakiana" numero 4. Kaj mi diras ke eĉ pli konscia ol tiu de Bach.

---

Iom post mia unua vojaĝo al la pasinto, kaj dialogetoj kun pasintaj muzikistoj mi denove estis transportita helpe de ne videblaj manoj por denove vivi tiun sperton, iri al la pasinto, sed tre strange mi estis portita precize tien, kie mi eliris el tiu ekstazo pasintfoje. Nun por mi estas tute klara la lasta momento pri

komento pri blinda sekvo de kristanismo pro manko de alia, sed vere mi sentis, ke ne temis pri manko sed pro tio ke katolikoj kaj iliaj preĝejoj oferis al la muzikistoj laboron kaj eblecon krei, eĉ de tempo al tempo verki pri amo kaj amindumado. Do, kiel rezulto ni havas nun multajn kaj precipe belegajn verkojn, kiel mesoj, motetoj, oratorioj kaj pasionoj.

Sed nun reganta mian tutan nescion, mi estas en la epoko konata kiel Renesanca, fina parto, kaj aŭroro de la Baroka ankaŭ konata kiel Rokoko, mi vidis, ke preterpasas la maljuna Monteverdi, kreinto de la opero, kaj kelkajn paŝojn (jarojn) poste, mi aŭdis sinjorinon nomantan iun personon "Prete Rosso". Tio vokis mian atenton kaj mi vidis blondan pastron, He!, mi rekonis: temas pri *Antonio Vivaldi* kaj mi memoris pri preskaŭ ne konata verko lia titolita Al Sankta Tombo. Jen afero por priparoli, la tuta nomo estas "Simfonio al Sankta Tombo". Simfonio? Laŭ mia memoro, - kiu de tempo al tempo perfidas min, - Simfonio estis kreita de *Haydn* kelkajn jarojn poste. Tuj, post la reveno de la nepra memoro, Ha! Baĥ ankaŭ skribis simfoniojn, tio estis alia maniero nomi Sonatojn, (io por esti aŭdata) kiu ankaŭ estis kreita de *Haydn* sed kun specifa movoj A B A, tio estas rapida, iom malrapida kaj denove rapida. Kaj apartenanta al la formo, ĉar tiuj simfonioj samepokaj al *Vivaldi* kaj Baĥ estas muziko ne apartenanta al la formoj tiutempaj kiel: "*Courante*", "*Gavotte*", "*minuet*", ktp.. Kelkaj el tiuj formoj venis al la sekvaj tempoj kiel tiu lasta, *minuet* kiun ne nur *Hydn*, Mozarto, Betoveno, kaj pluraj aliaj, uzis interne de grandaj verkoj, Ekzemple, en Sonatoj por piano, por piano kaj

aliaj solistoj, kaj Kvarteto da Kordoj, kaj eĉ en Simfonioj, kiu finfine estas simple sonato por orkestro.

Alproksimiĝis mi al tiu Pastro kaj demandis pri tio, kiun sian verkon, li taksis la plej bona. Li levis la kapon, ŝajnigante peton al la Patro, kaj diris: ĉiuj miaj filoj estas de mi amataj, sed verko kiun mi faris preĝante estas nur ..., ne, tute ne, mi ne memoras ne esti preĝinta antaŭ ol skribi unu sonon. Ĉar ĉiujn miajn verkojn, mi faris dankante al Dio, eĉ kelkajn, kiuj ne estis tiel religiaj, kvankam oni povas demandi, kio ne estas religia? Mi lasos tion por la penso de aliuloj. Eble ili preferos tiun ol iun alian, aŭ eble ili konos nur unu verkon mian aŭ ankaŭ povas esti, ke post mia forpaso neniu memoros pri mi. Certe, mi diris, vi estos konata entontece, mi, kiu estas tempa vizitanto agnoskas vin pri via laŭdata memoro, precipe pro la omaĝo al la naturo kiun vi faris, pere de via konĉerto por violono, konata simple kiel: La "Kvar Sezonoj". Kaj mi vidis, kiam li dispersiĝis, rideton en lia forviŝiĝinta vizaĝo forblovanta en la tempo.



# ĈU GENTILECO ESTAS NECESAĴO?

José Mauro Progiante

En sia libro *Malgranda Traktato pri la Grandaj Virtoj* (originale *Petit Traité des Grandes Vertus*), la filozofo André Comte-Sponville prezentas unue la ĝentilecon (*politesse*), dirante, ke el ĝi eble devenas ĉiuj aliaj virtoj. Tamen li asertas, en ŝajna kontraŭdiro, ke ĝi fakte ne estas virto, ĉar ĝi povas ekzisti ekster la moralo. Kaj por pruvi tion li rimarkigas, ke multaj naziistoj estis ĝentilaj.

La ĝentileco antaŭas al la moralo. Ĝia pravigo estas la normoj rigardataj kiel necesaj por bona socia kunvivado. Eĉ la beboj, kiuj ankoraŭ estas senmoralaj, estas instruitaj pri permesoj kaj malpermesoj, kiuj kerne estas sociaj normoj taksataj kiel decaj kaj observendaj. Kiam patrino diras al fileto, ekzemple, ke li devas uzi la vorton "dankon" kaj ne fivortojn, ŝi simple instruas al li bonajn manierojn, ne etikon. Povas okazi, ke en la estonteco li ĉagrenos sian patrinon kaj fariĝos ĝentila bandito.

Malgraŭ tio, por la filozofoj la ĝentileco estas grava kaj ordinare necesa por ekflorigi la moralon. La bonaj manieroj de la ĝentileco estigas bonajn agojn, kaj ĉi tiuj jam estas en la kampo de la moralo. Aristotelo diris, ke per praktikado de justaj agoj oni fariĝas justuloj; ke per praktikado de kuraĝaj agoj oni fariĝas kuraĝuloj. Tiel la ĝentileco, kiu estas nur imitado de virtoj, kondukas al veraj virtoj, kiaj la justeco kaj la kuraĝo.

Comte-Sponville atentigas, ke simple diri "bonvolu" aŭ "pardonu" estas ŝajnigi respekton, same kiel simple diri "dankon" estas ŝajnigi dankemon. Sed tio estas trejnado por realaj respekto kaj dankemo.

Se por la infanoj la ĝentileco estas esenca, por la plenkreskuloj ĝi ne estas tia. Per la ĝentileco, en la procezo de edukado, la infano sin preparas por la moralo. La adoltoj, aliflanke, ne bezonas tiun preparon, ĉar ili jam konas la valoron de la virtoj. Iu malĝentila viro,

ekzemple, povas esti bonkora, kaj certe li estas preferinda al iu ĝentila egoisto.
Konklude, ni provu esti ĝentilaj, ĉar “ĝentileco estigas ĝentilecon”, kiel diradis brazila piediranta profeto. Tamen, se por agi virte iam estos necese agi maldelikate, kvereli aŭ eĉ ŝoki, ni provizore flankenlasu la ĝentilecon.

## Komisiono de UEA 'Meza Oriento kaj Norda Afriko'

**Ĉu vi volas la disvastigon de Esperanto en Meza Oriento kaj Norda Afriko?**

Temas pri problema regiono, en kiu estas malpacoj diversspecaj, kaj tie Esperanto kaj justaj internaciaj rilatoj per Esperanto povus helpi pli ol en aliaj mondopartoj.
En la lasta jardeko ni atingis kelkajn rezultojn (vidu la paĝaron www.esperanto.net/ar/ , la serion de niaj Mezorientaj Kunvenoj, la lernolibron en la araba, ktp.) sed la situacio de la parolantoj de Esperanto en tiu regiono restas tre malforta laŭ la nombro de la parolantoj.
Ni volas daŭrigi nian retan anoncadon en tiu regiono kaj ni volas venigi junajn homojn el tiu regiono al internaciaj Esperanto-aranĝoj.
UEA starigis la Fondaĵon MONA kaj nun ni bezonas helpon de unuopaj esperantistoj, kiuj pensas, ke ni semu kaj semu konstante. Sendu vian esencan eĉ se malgrandan kontribuon al la konto “arabio” ĉe UEA. Pagmanieroj en http://www.uea.org/alighoj/pagmanieroj . Indiku “por arabio”.

# La poezio de Paulo Sergio Viana

Maria Nazaré Laroca

**Alĝustigi mondan mison**
**estus tro aŭdaca peno.**
**Mi preferas kompromison**
**zorgi pri mia ĝardeno.**
(https://blogdopaulosergioviana.blogspot.com/2018/06/epicurista.html)

Malfacile estas verki malgrandan tekston pri granda homo. Tamen aŭdace mi provos tion fari. Multfoje premiita en la Belartaj Konkursoj, eminenta tradukisto, talenta rakontisto, kronikisto kaj desegnisto, la poeto Paulo Sergio Viana, aŭ PSV, meritas nian plej koran omaĝon.

Lia bloga profilo nin informas, ke li estas kuracisto kaj entuziasmulo pri Literaturo kaj Esperanto. Krome pli ol entuziasmulo, li estas admirinda poeto, kiu aktive, kaj senlace laboras favore al nia lingvo, ekde fruaj jaroj; li kunfondis BEJO-n, kaj nuntempe redaktoro de la revuo La Lampiro. Mi estas profunde dankema al PSV pro lia kortuŝa, vigla kaj imitinda sindediĉo al Esperanto.

Lia riĉenhava kaj altkvalita dulingva blogo estas ĝardeno parfumita de poeziaj floroj, kiuj nin ravas. Mi invitas vin nepre viziti tiun magian literaturan mondon: http://blogdopaulosergioviana.blogspot.com/

La poemoj de PSV estas ege rafinitaj, elegantaj kaj muzikplenaj. Ili pacigas mian brueman animon kaj igas min forgesi la mondajn kruelaĵojn.

Por la ĝuo de la poeziamantoj mi elektis la plej freŝajn poemojn de Paulo Sergio Viana:

# GARDU VIN

Al vortoj rilatu amike.
Ilin elparolu delikate,
kiel ĝardenisto manipulas orkideojn.
Al vortoj ne plaĉas tro da soleno,
kiel al orkideoj ne plaĉas tro da akvo.
Necesas la ĝusta lumo, la ĝusta vento.
Gardu vin de mistrakto kontraŭ vortoj.
Ili eble ekkoleros,
kaj vi ne povas imagi,
kiel venĝemaj ili eble fariĝos.
Kiam vortoj koleras,
la tero tremas,
la suno eklipsiĝas
kaj tajdoj superverŝiĝas.
Al vortoj rilatu amike,
kaj la vivo al vi fluos
pli pace, pli hele.

(https://blogdopaulosergioviana.blogspot.com/2018/06/livre-se.html )

# RADIKOJ

serpentumante surface
radikoj de maljuna akacio
konstruas montarojn
valojn
neĝajn montopintojn
sulkajn labirintojn

lacaj longe loĝi
la profundon de obskura grundo
suĉadi fekundan sukon el la humo
enuinte pri la silento en la tero
pri la anonima malsekeco
de la kvieta fundo

ili aperas saŭre ĉi-ekstere
konstruas foran urbon kun grandaj muregoj
kontrapunkto de la vasta arbo
entera simetrio senfolia
kiun la vento ne balancas
kiu ne bezonas lumon
kroĉa ungego ŝnurego
koro ne pulsanta
nur fluanta

seriozaj noblaj radikoj de maljuna akacio
(http://blogdopaulosergioviana.blogspot.com/2018/07/raizes.html)

# Inteligenta hejmo

Sajjad Dashti Nezhad (Irano)

Eble antaŭ longa tempo, la ideo havi elektronikan asistanton, kiu parolas kun ni kaj aranĝas niajn aferojn apartenis nur al sciencfikciaj filmoj. Imagi lampojn, kiuj ŝaltiĝas kaj malŝaltiĝas laŭ nia voĉa ordono estis sufiĉe strange. Havi sekureco-kameraojn, kiuj mem rimarkas nekutimajn verŝajn-danĝerajn aferojn kaj sciigas nin pri ili ja estis nekredeble. Sed ĉio ĉi kaj multaj aliaj aferoj jam ne estas fantazioj. Ili nun per niaj progresoj en la teknologio plene eblas kaj jam vaste estas uzataj. Ĉi tiu artikolo temas pri la ebloj, kiujn la nova teknologio donas al ni por inteligentigi niajn hejmojn.

La ideo pri inteligenta hejmo ne vere estas tiom nova afero. Ekzemple, ni povas trovi multajn rilatajn konceptojn en la verkoj de Ray Bradbury. Sed havi inteligentajn hejmojn, kiuj povas havi homecan konekton kun ni kaj povas memstare decidi pri multaj aferoj estas plene nova afero. Du ĉefaj aferoj, kiuj tre helpis al ni atingi ĉi tiun situacion estas la eblo havi retan rapidan sendratan konekton per etaj aparatoj kaj la alia estas progreso en artefarita inteligenteco.

## Kiel havi sendratan rapidan retkonektiĝon kaj etiĝo de la aparatoj helpas al ni atingi inteligentan hejmon?

Havi pli etajn aparatojn por uzi kun rapida sendrata reto donis la eblon por facila kaj rapida konektiĝo inter niaj aparatoj kaj la iloj de niaj hejmoj. La iloj de la hejmo per sendrata konektiĝo inter si kaj niaj aparatoj povas kapabliĝi pri multaj aferoj. Kiel ekzemploj:

Ĉi tiel ni facile povas konekti nian voĉan hejman asistanton (ekzemple Alexa de Amazon aŭ la asistanto de Google) al aparatoj kiel lampoj, pordosonorilo kaj termostato. Do per nia voĉa hejma asistanto ni povas ŝalti aŭ malŝalti la lampojn, pli lumigi aŭ malpli lumigi ilin, ŝanĝi ilian koloron aŭ nuancn, aŭ facile ordoni voĉe al la termostato por pli varmigi la hejmon. Alia interesa ekzemplo pri tio estas uzi inteligentan pordosonorilon kun la voĉa asistanto de la hejmo kaj inteligenta laŭtparolilo de la domo. Do kiam iu estas ĉe la pordo, ni facile povas interparoli per la voĉasistanto, aŭdi unu la alian per la laŭtparolilo kaj ordoni voĉe al la voĉasistanto por malfermi la pordon sen moviĝi.

Ĉi tiel ni povas facile konekti niajn hejmajn ilojn al niaj aparatoj, kiujn ni portas kun ni. Do ekzemple ni sen ĉeesti hejme povas scii kiu estas ĉe la pordo, interparoli kaj eĉ malfermi la pordon. Aŭ ni povas per nia poŝtelefono dum ni estas for de la hejmo, kontroli la domon per la kameraoj konektitaj al la reto. Ĉi tiel ni povas facile kontroli ĉu la hejmo sekuras aŭ per enhejmaj kameraoj ni povas priatenti niajn gefilojn aŭ hejmbestojn. Alia interesa ekzemplo pri tio estas konektiĝi al la kuirilo de la hejmo, kiu kiupablas enretiĝi. Do ni ekzemple matene povas meti manĝaĵojn en ĝi, kaj antaŭ ol alveni hejmen vespere ni povas poŝtelefone ordoni ke ĝi pretigu la manĝaĵon. Ni revenas hejmen kaj nia kuirilo mem pretigis la manĝaĵon por ni kaj ni povas ĝui tuj la varman manĝaĵon.

## Kiel artefarita inteligenteco helpas al ni atingi inteligentan hejmon?

Artefarita inteligenteco certe estas unu el la plej belaj kaj interesaj teknologioj, kiujn la homaro spertis. Ĉi tiu teknologio donas la decidkapablon al maŝinoj. Do niaj iloj mem povas decidi kaj reagi al la situacioj sen nia ordono. Ĉi tiu teknologio havas tre gravan rolon por inteligenta hejmo. Sube vi povas legi kelkajn ekzemplojn de la uzoj de artefarita inteligenteco, kiuj nun praktike estas uzataj.

Artefarita inteligenteco al niaj sekuraj kameraoj helpas mem rimarki nekutimajn kaj danĝerajn aferojn. Do por prizorgi nian hejmon ni ne bezonas senĉese rigardi la ekranon kaj vidi tion, kio okazas en la hejmo. Dum io nekutima kaj danĝera okazas hejme aŭ ĉirkaŭe, la kamerao mem rimarkas kaj povas scigii nin tuj per poŝtelefono.

Artefarita inteligenteco helpas al termostatoj mem scii ĉu ni hejmas aŭ ne. Do kiam ni ne hejmas, por malpli uzi la energion, ĝi povas adapti sin. Kaj ankaŭ ĉi tiu teknologio donas la eblon al niaj aparatoj lerni niajn kutimojn. Do ekzemple ĝi povas scii kiam ni dormas, laboras kaj laŭ la situacio ĝi povas aranĝi diversajn varmecojn en la hejmo. Ni ofte bezonas malsamajn temperaturojn dum diversaj horoj hejme kaj artefarita inteligenteco helpas al ni facile havi ilin sen daŭre agordi.

Ĉi tiuj estas etaj ekzemploj pri la kapabloj de la inteligenta hejmo, kiuj nun praktike estas vaste uzataj. Sed ni devas atenti ke ni ankoraŭ estas en la komencaj paŝoj de la teknologio kaj ni povas atingi multe pli ol ĉi tiujn ekzemplojn dum proksima estonteco. Unu el la ĉefaj problemoj, kiujn nun la industrio de la reto de aĵoj (IoT) spertas, estas tio ke la iloj ankoraŭ ne havas bonan normon por ke ili kune laŭ ĝi funkciu kaj konektiĝu, unu al la alia. Alia problemo, kiu baldaŭ tre defios nin estas sekureco. Kiam okazas reta atako al niaj kutimaj aparatoj kiel poŝtelefonoj aŭ niaj kontoj, ĝiaj danĝeroj estas limigataj kaj ĉefe temas pri nia enreta vivo. Sed kun la reto de aĵoj (IoT) kaj la inteligenta hejmo ĉi tiuj danĝeroj povas grave minaci nian fizikan vivon. Sed diversaj kompanioj bone laboras pri tio. Certe estonte ni havos pli da interesaj aferoj, do ni devas atendi por vidi kiel inteligenta hejmo disvolviĝos.

# LINGVAJ RESPONDOJ DE FRANCISCO WECHSLER

## Demando:

Lastatempe oni ofte legas, eĉ ĉe bonaj aŭtoroj, la kondiĉan formon de pasinta aktiva participo: *(devintus, estintus, vivintus, trovintus)* Tion oni uzas kun transitivaj kaj netransitivaj verboj. Demandoj:

1. Ĉu ĝi estas gramatike ĝusta?
2. Ĉu rekomendinda?
3. Ĉu kongrua kun la Fundamento?
4. Ĉu Zamenhof uzis tiujn participojn?
5. Ĉu vi persone uzas tiujn formojn?
6. Se ĝusta, ĉu oni rajtas uzi aliajn formojn de participo: *manĝitus*, *vidatus*, *amotos, legotus, suferantus?*

## Respondo:

Por plene respondi al la ĉi-supraj demandoj, necesas unue fari historian parentezon. Efektive, jam Zamenhof iafoje anstataŭigis *estas -a* per *-as*. Ekzemple, la radikoj *sat*-, *san*-, *egal*- kaj *simil*-estas adjektivecaj, laŭ la *Universala Vortaro* de la *Fundamento*; tamen vidu la jenajn Zamenhofajn ekzemplojn, kie okazis senpera verbigo:

*Sano, sana, sane,* ***sani****,* ***sanu****, […] malsano, malsana, malsane,* ***malsani*** *[…] (Fundamenta Ekzercaro §42)*

*[…] unu el la verkistoj plej merite estimataj en nia lando […] anoncis publike, ke la virinoj* ***malsanas*** *fizike kaj morale […] (Marta, antaŭparolo)*

*La elpelito* ***malsatas*** *jam la trian tagon. (Dua Libro, III-5)*

*Ne, jam pli bone estas iom* ***malsati****, sed veni hejmen en Peterburga kostumo. (La Revizoro)*

*Juneco petolis, maljuneco* ***malsatos. (Proverbaro)***

***[…] vi ricevos libron, kiu laŭ grandeco kaj kosto egalas la elirontan libron de l' voĉoj […] (Dua Libro)***
***Kiam nokto vualas, ĉiuj koloroj egalas. (Proverbaro)***
***Kaj nek interne li similas nun / Al tio, kio li antaŭe estis. (Hamleto)***
***sed se ni ne havas la eblon regule interkonsiliĝadi, […] ni similos organismon sen kapo kaj sen manoj […] (Parolado ĉe la 7-a Kongreso)***

**Post Zamenhof, tia uzado ampleksiĝis. Ekzemple, nuntempe oni rutine uzas la sufikson -*ebl*- ankaŭ por mallongigi *estas ebla* kaj *estas eble*:**
***Ofte aŭdeblis lia kolera voĉo* […] (Löwenstein, *La Ŝtona Urbo*)**
***Ŝi iris al la pordo; ĝi estis ŝlosita, kaj ŝlosilo nenie videblis.* (Piron, *Gerda Malaperis!*)**
***La aŭskultantoj dezirus iel helpi la oratoron: aŭdiĝas tusetado,* […] *rimarkeblas moviĝado, susurado... kaj eĉ aplaŭdoj.* (Lapenna, *Retoriko*)**
***Mi ne povis imagi, kiel eblas vivi sen direktantaj organoj* […]. (Szathmári, *Vojaĝo al Kazohinio*)**
Krome, oni nuntempe ofte uzas tiajn mallongigojn ankaŭ kun aliaj adjektivecaj radikoj:
*Tio ja estas la granda solena geedziĝo kun la ino, kiu* […] *tiel mirinde* ***belas****, aĥ, tiel supermezure* ***belas****.* (Kaiser, *La Mortula Ŝipo*)
[…] *la oceanoj ja tiom* ***grandas*** *kaj tiom* ***vastas****.* (Kaiser, *La Mortula Ŝipo*)

Rimarku, ke adjektivo + verba finaĵo ne nepre signifas estas -*a* aŭ estas -*e*. Ĝi povas ankaŭ esprimi agon:
*"Damne!" mi* ***subitis****, kiam la vento reblovis al mi mian oferaĵon* […] (Rossetti, *Kredu Min, Sinjorino!*)
Nuntempe tia senpera verbigo de adjektivoj fariĝis ordinara. Tamen atentu, ke, uzante tiajn mallongigojn, oni perdas iom da informo, kaj ilia ĝusta signifo dependas ankaŭ de la kunteksto. En la ĉi-supra ekzemplo, *mi subitis* esprimas *ne mi estis subita*, sed *mi subite ekkriis*.

Per la Lingva Respondo 15, publikigita en *La Revuo* (Aprilo 1907), Zamenhof esprimis sian opinion  pri kompakta pasivigo:
*La formoj "amatas", "amitas" k.t.p. anstataŭ "estas amata", "estas amita" per si mem ne prezentus ian rompon en nia lingvo, kaj, se la Lingva Komitato volus ilin aprobi, oni povus tre bone ilin uzi. Tamen, se la privataj aŭtoroj per sia propra iniciato volus uzi tiajn formojn, mi tion ĉi ne konsilus. Privataj aŭtoroj povus enkonduki tiun ĉi novan formon nur en tia okazo, se 'as", "is" k.t.p. signifus "estas", "estis"; sed, kvankam pli aŭ malpli frue la verbaj finiĝoj eble ricevos la signifon de la verbo "esti", tamen ĝis nun ili tiun ĉi signifon ne havas.*

Tiajn formojn oni komencis uzi verŝajne por konkuri kun Ido, en kies  oficiala gramatiko ja ekzistas kompakta pasivigo; ekzemple: *me esas amata* = *me amesas* (*mi estas amata* = *mi amatas* en Esperanto). Ido ankaŭ havas aliajn kompaktajn formojn; ekzemple: *esez fininta* = *finabez* (*estu fininta* = *finintu* en Esperanto).
Fruan ekzemplon de kompakta pasivigo donis Grabowski: *Laŭdatu Jezu-Kristo!* (*Sinjoro Tadeo*). Ĉi tion imitis Kalocsay en sia traduko de la *Kantiko de l' Suno*, de Sankta Francisko el Asizo: *Laŭdatu, ho Sinjoro, per franjo Lun' kaj ĉiu stelo* […]
Jen kelkaj pliaj ekzemploj pri kompaktigo de participaj formoj:
*Se estintus mi, kiun Potifarino incite provokis, mi jam scius kiamaniere pritrakti ŝin:* […] (Vinař, *La Skandalo pro Jozefo*)
*Nu, kohera redakto certe farintus la stilon de la traduko iom pli "internacia".* (Camacho, *Diskutige kaj diskutinde*, *en Monato*)
[…] *se li farintus tion, mi jam delonge pri tio scius.* (Ivanov, en *La Ondo de Esperanto*)
[…] *noveco por si mem tute ne bezonatas.* (Muraŝkovskij/Muraŝkovska, *Kien fluas roj' Castalie*)
Pri tiaj formoj jene komentas Wennergren en sia *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (15.01):
*Zamenhof neniam uzis tiajn mallongigitajn formojn, sed ili estas tute logikaj. Bedaŭrinde ili estas en la praktiko tre malfacile kompreneblaj. Vorto kiel legintos enhavas ŝajne tro multe da informoj en tro kompakta formo. La normalaj*

*kunmetitaj formoj kun esti estas pli taŭgaj en tiuj maloftaj okazoj, kiam oni ne povas uzi ordinarajn simplajn verboformojn* (legis, legos k.t.p.).

*Sed kelkaj tiaj mallongigitaj formoj efektive praktike iom enuziĝis. Precipe INTUS-formoj estas popularaj. Simpla US-formo estas tute sentempa, sed multaj tamen sentas US-verbojn kiel nuntempajn, kaj uzas INTUS ĉiam, kiam temas pri pasinteco:*

Se mi **sciintus** tion, mi **agintus** alie. = Se mi estus **sciinta** tion, mi estus **aginta** alie. *Oni povas pli simple diri:* Se mi (tiam antaŭe) **scius** tion, mi (tiam) **agus** alie.

*Ankaŭ ATAS-formoj estas sufiĉe oftaj:*

**Bezonatas** novaj fortoj en nia organizo. = Estas bezonataj...

**Serĉatas** nova redaktisto por la revuo. = Estas serĉata...

*Resume:* Zamenhof neniam uzis tiajn mallongigitajn formojn, sed ili rompas neniun principon de la Fundamento, kiel li mem agnoskis, sekve ili estas gramatike ĝustaj. Tamen per ili oni riskas iafoje kompromiti klarecon aŭ pezigi sian stilon. Eble estontece tiaj formoj fariĝos al niaj oreloj kaj okuloj malpli strangaj kaj pli klaraj. Mi mem ĝis nun ilin ne uzis, sed ja temas pri tute persona decido.





20-A ĜIS 23-A DE JUNIO 2019

# 54-a Brazila Kongreso de Esperanto



## 39-A BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA KONGRESO

TEMO: ESPERANTO, KULTURO KAJ ARTO: KUNAJ EN KONSTRUADO DE NOVA SOCIO.

**GOJANJO**
GOJASO - BRAZILO
http://esperantogoias.com.br









